# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto - Asocio**

**Fondinto : H. Hodler.†**

**Redaktoro Provizora : M. Movo (M. Wittenberg)**

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**



**32-a Jaro N° 431**

**JULIO 1936**

## AL LA ESPERANTISTARO

Nun, kiam esperebIe finiĝis la dissendo de cirkuleroj kaj leteroj, kaj la voĉdonado montris ke la delegitoj preferas ke UEA vivu en Londono, oni povas trankvile pensi, kaj en Vieno fari la necesajn paŝojn por certigi ĝian estontan vivon. Tie ni esperas klarigi al la kongresanoj niajn planojn por plibonigi la Asocion, por kreskigi la membraron, por pliviglligi la propagandon ; unuvorte, por montri al ĉiu ke UEA povas esti, kaj intencas esti, almenaŭ unu el la plej gravaj internaciaj asocioj en la tuta mondo.

Jam dum jaroj ni perdis per internaj disputoj multon el la forto kiun ni povus havi. Feliĉe la atmosfero jam komencis heliĝi. Plej kredeble ni povos anonci en la kongreso kontraktojn pri kunlaboro kun Heroldo de Esperanto, kaj kun la Cseh-Instituto. Ni esperu, ke tiu estas nur la komenco de la forigo de ĉiuj malakordiĝoj, kaj ke kiam ni denove renkontiĝos en Varsovio por la kongreso, kiu celebros la Jubileon de Esperanto, ni povos diri ke ni estas vere « unu rondo laboranta por unu celo ».

---

En kelkaj leteroj kaj artikoloj, kiuj lastatempe aperis en gazetoj, la bonvolaj verkistoj skribis pri mi kvazaŭ mi estas magiisto. Tio mi certe ne estas. Mi estas simpla homo, kiu estas preta labori por la movado kaj UEA, kaj kiu, pro antaŭa sperto, scias kiel organizi oficejon tiel ke ĝi plenumu akurate sian devon. Mi esperas, ke post kelkaj tagoj ĝi jam tiel bone funkcios, ke membro povos ricevi respondon al letero sen atendo de kelkaj monatoj ; ke « Esperanto » regule aperos je la atendata dato (sed ne forgesu ke, kiel kutime, dum la nuna jaro ĝi ne aperos dum Aŭgusto) ; kaj, ke, se ni promesas ion, ni certe liveros ĝin. Mi kaj miaj kunlaborantoj en la Londona oficejo celos kontentigi ĉiun membron, kaj pro tio ricevi de ili tiun fortan subtenon kaj helpon, sen kiu neniu asocio povas sukcesi.

Cecil C. GOLDSMITH.
Direktoro.

## Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 9 — Julio 1936

*Voĉdono de la Delegitoj.*

La subskribintoj, membroj de UEA en Ĝenevo, laŭ invito de la Direktoro kontrolis la voĉdonon pri la Statutŝanĝo (Art. 5) rilate al translokiĝo de la Centra Oficejo al Londono. Ili kunvenis la 4an de Julio 1936 en la Centra Oficejo en Ĝenevo je la dua horo ptm. Estis forsenditaj 1.400 kovertoj al la Delegitoj de UEA. Revenis 858 kovertoj kun 901 voĉdonoj. El ili 710 kun *JES* kaj 191 kun *NE*. Sekve, la Statutŝanĝo estis akceptita.

Hans Jakob. A. Brelaz. R. Rivollet.

Ĉeestantoj : C. C. Goldsmith, Direktoro. M. Wittenberg (M. Movo). M. Joerin.

*Translokiĝo.*

La translokiĝo okazos dum la semajno Julio 6-11, kaj de nun la adreso de la Centra Oficejo estas

142, High Holborn, London, W.C.1, Anglujo kien oni sendu ĉiujn komunikajojn.

*Jarlibro.*

La Jarlibro 1936 estas dissendita al la Membroj kiuj pagis la kotizojn por la nuna jaro. Se membro ne ricevis ĝin ĝustatempe, li bonvole sciigu al la C.O. (ne forgesu uzi la novan adreson).

Cecil C. Goldsmith.
Direktoro.

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Ĉeĥoslovakujo**

*Freudenthal i. Schl.* — S-ino Ida Schneider, Karl Hubigg, 12.
*Nieder-Lindewiese* 319. — D-ro Ernst Hunkel, D-ro fil., verkisto.
*Wallern.* — VD : Inĝ. Rudolf Hermann, Faklernejestro, 128, Böhmerwald.
*Znaim.* — Wilhelm Huttarsch, Profesoro, Raŝinstrasse, 32.

**Danujo**

*Köge.* — Viggo Ritzau, Policestro, Politikontoret.

**Francujo**

*Quimper* (Finistère). — Charles Le Seac'h, Creac'h-Maria-Izella Loc Maria.
*Saverne* (Bas-Rhin). — S-ino Elisabeth Gaehlinger-Bauer.
*Vaires* (S.-et-M.). — Cottray, Instruisto, 12, avenue Jean-Jaurès.

**Germanujo**

*Krefeld.* — Joh. Schroeder, Stephanstr. 28.

**Hispanujo**

*Alaejos* (Valladolid). — V.-H. Antoraz, « Bazar Casita ».

**Hungarujo**

*Pecs.* — D-ro A. Harmat, Szinhaz tér. 1.

**Nederlando**

*Amsterdam-O.* — FD (Bankfako) : S-ro P.-M. Mabesoone, Linnaeusparkweg 100.
*Amsterdam-Z.* — FD (Vegetarismo) : D.-F. Lissauer, Parnassusweg, 28/II.
*Deventer.* — VD : Roelof Koerselman, 75, Hooge Hondstraat.
*Epe* (Gld.). — K.-H. Buschman, Dellerweg « Eperhof ».
2e *Exloermond* (N.). — J. Hogenkamp, Hoofd eener School.
*Den Haag.* — FD (Instruado) : F. Weeke, Meezenlaan 41.
*Leeuwarden.* — VD : G. Kuperus, 6e Vegelinstraat 1.
*Koog a/d Zaan.* — G. Meyer, Breestraat 46.
*Sijbrandaburen* Fr. — G. C. Tinkelenberg.
*Venlo.* — J. M. von Meegeren Esperanto Instituto, Postbus, 81.

**Norvegujo**

*Kristianssand S.* — T.-A. Vik, Kirkegt 7.
*Trondheim.* — VD : G. Bjornebo, Instruisto, Sorgenfri.

**Svedujo**

*Eskilstuna.* — VD : Anders Hertzman, Ĉeflaboristo, Lagersdal, Lagersberg.
*Strömsnäsbruk.* — Johan Nilsson, Dentisto.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ

*Aŭstrujo :* Liesing b. Wien ; Wieselburg aĉd. Erlauf.
*Belgujo :* Berchem-Antwerpen (VD) ; Bruxelles (FD : Teatro-Musiko) ; Dison.
*Ĉeĥoslovakujo.* — Komarno (VD).
*Francujo.* — Rueil (S.-et-O.).
*Germanujo.* — Quedlinburg.
*Hispanujo.* — Vich (VD).
*Litovujo :* : Kaunas.
*Nederlando :* Amsterdam (VD) ; Mijdrecht ; Stedum ; Ten-Boer ; Zeist.

### SANĜOJ

**Britujo**

*London-E. 17.* — VD : E. W. Willcocks, 795 Lea Bridge Road.
*Stevenston* (Ayrshire). — R. Stevenson, 15 Mayville Street.

**Nederlando**

*Eindhoven.* — J. J. H. Teunissen, Mincklerstraat 7.
*Utrecht.* — VD : E. A. Koot, Joh. de Meesterstr. 12.

**Nov-Zelando**

*Wellington* (Cl.). — VD : Wm. H. King, Clercial Branch, Chief Post Office.

**Palestino**

*Tel-Aviv.* — Menaĥem Sapir, Brener St. 2 Corner Allenby Rd.

**Svisujo**

*Zürich* 3. — S-ro Ernst Wynistorf, Birmensdorferstrasse 222.

### Niaj mortintoj

S-ro Johano Trobat, Barcelona, malnova esperantisto.
S-ro J. J. W. Huysman, Etterbeek, Del. UEA.
D-ro W. Van der Biest, Bruxelles, Fak-Del. UEA.

# Junuloj, Paco, Esperanto

Samideanoj en la tuta mondo !

Ni ĉeestis tutmondan konferencon de junularoj por la paco. Ni kunportis de tie la fortegan impreson, ke la tutmonda junularo urĝe bezonas nian, vian helpon !

Malgraŭ la klopodegoj de la organizantoj, kiuj eĉ multrilate produktis admirindajn rezultojn, la prezidantaro de la konferenco ne sukcesis forigi ian malgajan impreson de lingva malfacileco.

Jen denove grava fakto, montrante ke necesas ŝanĝo en la sistemo de internaciaj kongresoj.

Ni aŭdis parolantojn, kiuj parolis kun pli aŭ malpli da sukceso en lingvo, kiu apartenas al alia popolo.

Ni aŭdis la tradukantojn oficiale plendi, ĉar estis neeble sekvi la paroladojn.

Ni aŭdis eĉ tradukojn, kiuj diris la malon de la vera teksto !

Multe oni parolis pri neŭtraleco.

Ĉu estas neŭtrale, ke delegitoj, kiuj reprezentas milionojn da balkananoj, devas paroli germane aŭ france ?

Ĉu estas neŭtrale, ke oni nur tradukas en 4 naciajn lingvojn, dum ĉeestas reprezentantoj de milionoj da junuloj, por kiuj tiuj 4 lingvoj estas nekompreneblaj ?

Tio estas bedaŭrinda maljusteco, ne inda je moderna junularo !

Tamen ni tutkore pardonas tian maljustecon al la organizantoj de la konferenco. Ili ankoraŭ nenion sciis pri la kvalitoj de nia lingvo, kaj estis ja ili mem, kiuj perdis multe da altvalora tempo kaj ŝarĝiĝis per multe da nenecesa laboro.

Sed ni ne dormis ! Ni proponis al la konferenco la jenan rezolucion :

« La internacia konferenco de la junularo por la paco, konsiderante, ke la lingvaj baroj estas la plej grava malhelpo, kontraŭinte alproksimiĝon de la popoloj, ĉar por bone interkonsenti estas nepre necese, sin bone interkompreni ;

konsiderante, ke elekto de iu ajn nacia lingvo kiel universala lingvo kontraŭus la pacan volon de la popoloj ;

konsiderante, ke Esperanto, utiligata en la tuta mondo kaj ĝuanta la apogon de ŝtatestraroj kaj de ekonomiaj, turistaj kaj teknikaj organizoj, enhavas pro sia nuna disvastigo la karakteron de universaleco, necesan por internacia lingvo,

kore invitas la en la konferenco kunigitajn asociojn organizi por siaj anoj esperanto-kursojn,

decidas, ke Esperanto estos uzata kune kun la aliaj naciaj lingvoj, kaj kiel sola traduklingvo en la kunvenoj de la junularo, organizotaj de la konferenco. »

Ne estas nia kulpo, ke la konferenco ne havis la tempon voĉdoni pri tiu rezolucio, kiu cetere estis vigle aprobata de multnombraj delegitaroj, al kiuj ni montris ĝin.

Ni ĉiuj nun havas la altan taskon, daŭrigi tiun klopodadon !

De la 31-a de aŭgusto ĝis la 7-a de septembro 1936 okazos en Ĝenevo *Tutmonda Junulara Kongreso* (adr. : 46, route de Ferney, Genève), kiu estos organizata de s-ro prof. Wiessen. Tiu kongreso akceptis ĝis nun la anglan kaj francan kiel oficialajn lingvojn. Jam oni proponis la akcepton de germana kaj rusa lingvoj ! Samideanoj ! Ni, kaj precipe junuloj inter ni, havas la devon, tuj informi la organizantojn pri nia deziro, ke *Esperanto estu oficiala lingvo de la kongreso*, kej ke jam de nun ĝi estu rekomendata al ĉiuj partoprenantoj !

Sendu gazetojn kaj leterojn al la organizanto ! Nepre agu, por ke viaj naciaj junular-organizoj postulu Esperanton en la Ĝeneva kongreso !

Oni decidis dum la konferenco, ke la *Tutmonda Junulara Kuriero* (1, Cité Paradis, Paris) estu la organo por ĉiuj partoprenontoj. Samideanoj ! Klopodu, por ke tiu kuriero aperu en Esperanto !

Nia sukceso jam estis granda ! Nia dumkonferenca tradukoficejo multe utilis al delegitaroj kaj eĉ devis retraduki dokumenton, kies originala teksto ne estis trovebla.

Ni havis malgrandan, sed tre favore lokigitan ekspozicion, kiu estis multe rimarkata. Ni eĉ unufoje havis la okazon publike pledi nian kaŭzon.

Ni daŭrigu la klopodon en la tuta mondo, kaj la sukceso de nia lingvo faros gravan paŝon antaŭen !

Por la esperantista delegitaro en la

*Internacia konferenco de la junularo por la paco*

*Jürgen Jacobsohn.*

*Rimarko de la redakcio.* — La Internacia Konferenco de la Junularo por la Paco okazis antaŭ kelkaj semajnoj en Bruselo (Belgujo). Estis reprezentitaj 12 milionoj da junuloj el 23 landoj. La Konferenco akceptis gravajn rezoluciojn pri la paco kaj kontraŭ la milito.

---

# Esperanto progresas inter la Blinduloj

Vere mirindaj estas la sukcesoj de Esperanto-movado inter la tutmonda blindularo. Ilia internacia federacio : UABO — ekzinstanta depost 1932— ampleksas jam 25 diverslandajn membrojn- organizaĵojn. Inter ili troviĝas tiaj tutlandaj gravaj blindul-organizaĵoj, kiel tiuj de Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Finlando, Hispanujo, Hungarlando, Irlando, Norvegujo, Polujo, Svedujo k.a. UABO eldonas brajle : « Esperanta Ligilo » kaj nigre : « Ligilo Por Vidantoj ». Ĉiujare la nombro da brajlaj esperantaĵoj kreskas dank' al vigla agado de la UABO-presejo en Stocksund (Svedujo) kaj naciaj brajlaj presejoj en diversaj landoj. Lastatempe la fama jugoslava blindulamiko, V. Ramadanoviĉ, direktoro de la blindulejo en Zemun, eldonis la Krestomation de Zamenhof, UABO eldonis Klasikan legolibron de E. Robert (Francujo), Konversacian Literaturon de Cseh, en preparo estas Dia komedio de Dante. Potenca tutrusa blindulorganizajo*:* WOS eldonis jam duan Almanakon, destinitan por tutmonda samideanaro. La ekzistantaj esperanto-fakoj de blindulbibliotekoj konstante pligrandiĝas per la manskribitaj esperantaĵoj dank' al sinoferema laboro de blindulamikoj. Radio ankaŭ staras jam en la servo de UABO, kies sciigojn ĉiumonate dissendas la sendejo Lyon la Doua. Agoĝoja « Skolta Esperanto Ligo » (SEL) kunlaboradas kun UABO, subtenante ties agadon. La movado ĉiam plipotenciĝas, reviviĝas tie, kie ĝi antaŭ nelonge ekdormetis, ekestas en la landoj, kie ĝi ĝis nun eĥis nur inter la unuopuloj. Esperanto evidentiĝis kiel utilega ilo de internacia kunlaborado kaj viva ligilo de tutmonda blindularo.

Jan SILHAN.

(« Pola Esperantisto »).

## La 8a kongreso de la Neŭtrala Nederlanda Esperantista Asocio « La Estonto Estas Nia »

Pli ol 300 nederlandaj kaj 16 alilandaj Esperantistoj kunvenis je Pentekosto en Leeuwarden, la ĉefurbo de Frislando, unu el la plej nordaj provincoj de Nederlando, por partopreni la 8-an kongreson de la neŭtrala nederlanda Esperantista asocio « La Estonto Estas Nia ».

La verda sfero de Frislando estis jam rimarkebla ĉe la stacidomo en Leeuwarden, al kiu la vagonaroj alportis je forte reduktitaj prezoj la kongresanojn. Junaj fervoruloj, dekoraciitaj per grandaj verdaj steloj, atendis la alvenintojn kaj montris siajn talentojn kiel gvidistoj. Policanoj, ankaŭ kun verda stelo sur la uniformoj, povis informi la vizitintojn. Verda tuko bonvenigis la kongresanojn je la unuaj paŝoj sur frisa tero, verda flago flirtis de la akceptejo, kie la L.K.K.-prezidanto salutis la gastojn. Envenis bondeziroj el Ĉeĥoslovakujo, Austrujo, Germanujo, Francujo, Svisujo, Belgujo, Estonujo, Hungarujo kaj Ukraino. En la urbdomo oni estis akceptata de la komuna estraro. La urbestro parolis en la nederlanda, franca, germana kaj angla lingvoj kaj...en Esperanto. La vespero alportis koncerton en la historia Urba Ĝardeno, la iama parko de la frisaj guberniestroj. Poste oni denove kunvenis kaj oni dancis, kantis, babilis kaj... la kongreso aŭskultis. Aŭskultis belajn kantojn de frisa Esperantista ĥoro, de talentplena juna frisa kantisto kaj la bonhumorajn salutparoladetojn de la eksterlandanoj.

La ĝenerala jarkunveno de la sekvinta tago estis karakterizita de agrabla sfero. La prezidanto, sinjoro P. W. Baas el Amsterdamo, estis reelektita kaj same la ĉefestraranoj sinjoro A. de Beus el Utreĥto kaj sinjoro W. Grolleman el Culemborg, distriktestroj. Sinjoro Goldsmith, direktoro de U.E.A., klarigis, kial la asocio transloĝiĝis de Ĝenevo al Londono ; oni aŭdis, ke la financaj faktoroj ludis en ĉi tiu afero gravan rolon. La frisoj prezentis al siaj gastoj revuon « Hala, halo, Verdlando vokas ! » Ĝi enhavis baletojn, kantojn kun rekantaĵoj, spritajn kaj seriozajn scenojn. Reviviĝis la kongreso en Boulogne sur Mer en 1905, la preparoj de la pro la milito ne okazinta kongreso en Parizo en 1914, la Danziga en 1927 kaj fine venis sonĝo pri la venonta Viena kongreso.

La lasta kongresa tago estis okupita de ekskurso tra la frisa lando. Matene jam frue la kongresanoj foriris en naŭ, per verdaj flagetoj ornamitaj, aŭtobusoj kaj veturis tra la ampleksaj herbejoj, helkoloritaj de milionoj da floretoj, tra la intimaj vilaĝoj, al arbaroj kaj erikejoj. Oni promenis, piknikis, kantis la verdajn kantojn. Poste oni forveturis al la famkonata lagodistrikto de Frislando. En du ŝipoj, la verda flago en la mastpintoj, oni faris krozadon, sub la belega, per nuboj ornamita ĉielo. Oni ĝuis velveturŝipkonkurson kaj plue la belan aspekton de mueliloj, farmdomoj kaj turetoj en la malalta lando ĉirkaŭe. Granda estis la entusiasmo, gaja la sfero ĉirkaŭ la babilantaj, ridantaj kaj kantantaj homoj. Malfrue oni albordiĝis en Leeuwarden.

A. B.

## VERDA LJUBLJANA DUM KVAR TAGOJ GASTIGIS JUGOSLAVAJN ESPERANTISTOJN

Longe hezitis Ljubljana ĝis kiam ĝi por tiu jaro invitis esperantistojn de Jugoslavujo al la 9 Esperanto-Kongreso. Bone konsciis Ljubljanaj Esperantistoj, ke la Kongreso en Ljubljana devus esti la krono de ĉiuj ĝis nun atingitaj sukcesoj. Bedaŭrinde, pro la nunaj vivcirkonstancoj la kongresurbo ne povis fieri per impona nombro da kongresanoj. Oni ne vidis ĉe la kongreso eĉ la multajn plej elstarajn pionirojn de la movado en Jugoslavujo. Sed belaj, pompaj aranĝoj bone plenigis tiun vakuon.



GEKONGRESANOJ SUR KONGRESPLACO.

Diligentaj anoj de la Esperanta klubo Ljubljana verdigis preskaŭ la tutan eksteran vizaĝon de « blanka » Ljubljana. Festan bildon prezentis jam la stacidomo de Ljubljana, tute ornamita per esperantaj kaj naciaj flagoj kaj grandaj esperantaj surskriboj. Preterveturis la unua tramveturilo — jen verda stelo gvidas ĝin, ambaŭflanke flirtas esperantaj kaj Jugoslavaj flagetoj. Kaj la dua kaj la tria kaj ĉiuj tramveturiloj — tridek entute — la sama ĉarma bildo. Jen granda surskribo super la strato vid-al-vide de la ĉefstacidomo : « Kongresa oficejo ». Esperantaj libroj, kongresaj dokumentoj kaj klarigoj je dispono ! En la centro de la urbo — sur Kongresplaco ! — granda ekstera surskribo sur la « Kazino » atentigas la kongresanojn pri la ejo. Alvenis




ELEKTRA « BONVENON » SUR LA KASTELMONTETO.

Slovenio, d-ro Marko Natlačen. Alvenis honora kongresa prezidanto — urbestro de Ljubljana, d-ro Juro Adlešič. Jen reprezentantoj de Juĝeja, Financa, Polica kaj aliaj direkcioj. Reprezentita estis Komerca kaj Laborista ĉambroj, Ljubljana foiro kaj klerigaj societoj. En la nomo de la LKK samideano Kozlevčar Joze salutis la eminentulojn laŭvice, same kiel ankaŭ esperantistajn reprezentantojn. Sekvis salutoj de esperantistaj societoj el Jugoslavujo — 30 delegitoj sekvis unu la alian! De tiu kunveno estis senditaj ankaŭ saluttelegramoj al la reĝo Petro la II kaj al ministra prezidanto d-ro Stojadinovič. Telegrame kaj letere salutis la Kongreson preskaŭ ĉiuj Asocioj Esperantistaj el Eŭropo kaj ankaŭ el Ameriko ! Oni debatis pri la vigligo de la movado en Jugoslavujo kaj pri la estonta laboro. Oni akceptis kelkajn bonajn sugestojn. Kiel sidejo por la venonta agad-jaro de



LA LKK-KOMITATO.

jam la unuaj honoraj gekomitatanoj — urbestro de Ljubljana d-ro Juro Adlešič, prezidanto de apelacia juĝejo d-ro Golia, komandanto de polico kaj aliaj. Nerveme kuradis tien kaj reen la teknikistoj de Radio Ljubljana — la aranĝo estas disaŭdigota pere de Radio Ljubljana kaj relajsota de Radio-Wien. Antaŭ la gekongresanoj aperis prezidanto de LKK samideano Kozlevčar Joze kaj per kortuŝaj vortoj prezentis sloven-kaj esperantlingve la sencon de la mistera Esperanto. Li salutis la ĉeestintojn kaj la mankintajn kongresanojn, kiuj certe spirite ĉeestis. Blindaj infanoj de Blindul-instituto el Zagreb, kantis du esperantigitajn kantojn. Sekvis originala poemo « Nia Apostolo » honore al nia Majstro ! Kortuŝaj estis la sekvintaj tri solkantoj de blinda koncerta kantistino samideanino Kranjčevič Ljubica el Zagreb.

Frumatene dimanĉe denove kolektiĝis « verdaj batalantoj » al la sama placo. Nova surprizo — grandaj Esperantaj kaj Jugoslavaj flagoj en longa vico flirtis sur la tuta placo ! Alproksimiĝis la solena malferma kunsido. Pleniĝis la granda salono de Filharmonia Societo. Alveturis la protektanto de la Kongreso, la banuso (provincestro) de




ORNAMITA TRAMVETURILO.

Jugoslava Esperanto-Ligo estis destinita denove Zagreb, kie okazos ankaŭ la 10-a jubilea kongreso de 1937.

La publiko parolis ĉie kaj ĉiam pri Esperanto. Taggazetoj de Ljubljana kaj de Jugoslavujo skribis longajn kolonojn pri niaj aranĝoj. Ni ne ĉesos labori — gesamideanoj tutmondaj subtenu nin !

K. K.

# Abraham LINCOLN

El malriĉa familio de kvakeroj, en malriĉa kabano konstruita de lia patro, la 12an de februaro 1809 naskiĝis en Big South Fork (Kentucky) Abraham Lincoln (elparolu : c = k). En 1770 lia avo, kiu ankaŭ sin nomis Abraham, estis mortigita de la indianoj de Kentucky. La patro, Thomas Lincoln, estis malklerulo : li eĉ ne sciis legi nek skribi — li naskiĝis en 1778 en Rochingham en Virginio ; la 13-an de junio 1806 li edziĝis kun Nancy (elp. Nensi) Hanks, iom pli klera ol li.

La patrino de Abraham mem instruis sian fileton legi kaj skribi ; sed ŝi mortis kiam Abraham ankoraŭ ne estis dekjara knabo. Tomaso Lincoln edziĝis denove, du jarojn kaj du monatojn post ŝia morto, kun Sarah Bush. Tiu ĉi estis bonkora virino, kiu amis la knabon.

Pro la malriĉeco de la familio, Abraham estis devigata perlabori ekde sia infaneco. En la unua tempo li helpis sian patron en la kamplaboroj kaj en manlaboroj, — poste fariĝis lignajisto. Deknaŭjara li estis pramisto ; dudekunujara li trovis oficon kiel komizo en la negocejo de drogisto Offutt en New-Salem (elp. Nju = Nova). Dum la libertempo li kutimis legi, kaj per tiuj legoj li meminstruiĝis. Kiam Offutt bankrotis, Lincoln en societo kun Berry (elp. Birri), malfermis propran drogejon ; sed tiu malgranda butiko ankaŭ bankrotis, kaj Lincoln, kiu intertempe edziĝis kun Mary (elp. Meri) Todd, kun kiu li havis tri filojn, troviĝis denove sen vivrimedoj. Dum la milito inter la gentaro de indianoj kaj la ŝtato de Illinois — tio estis en la jaro 1832 — li soldatiĝis kaj akiris la gradon Kapitano. La milito daŭris tri monatojn. Post la reveno li havis oficon kiel poŝtoficisto ; sed la salajro ne estis sufiĉa. Kelkan tempon li laboris kiel termezuristo, kaj poste decidis translokiĝi al Springfield. Tie li fariĝis advokato (je tiu tempo — kaj parte ankaŭ ĝis nun — en Ameriko ne estis postulataj specialaj lernejaj titoloj), kaj oni lin admiris pro lia kapableco kaj precipe pro lia honesteco. Pro tio certe li neniam estis riĉulo. Oni diris, ke kiam li estis elektita prezidanto de Usono, la registaraj senditoj, kiuj venis anonci al li lian elekton, ricevis nur panon kaj akvon. Tie li konatiĝis ankaŭ kiel politikulo, precipe pro siaj idealoj rilate al la negra sklaveco. Tiu idealo de longe okupis la spiritojn de la Amerikanoj. Ekde la liberiĝo de Usono, oni decidis forigi la sklavecon, sed pozitivajn rezultatojn oni ne atingis.

Kiel membro de la Respublikana partio li estis en 1854 kandidato en la ŝtato Illinois, kaj poste en al la Senato kontraŭ Aldrich Matteson — sklavisto (t.e. pledanto por la daŭrigon de la sklaveco). La usonanoj bone sciis, ke lia elekto kiel prezidanton de Usono estos la forigo de la sklaveco ; kaj tio ne plaĉis al la sudaj ŝtatoj, kie la sklavoj abundis. Se Lincoln estos elektita prezidanto de Usono, la sudaj ŝtatoj disiĝos de la nordaj, ili minacis kaj starigis la kandidatecon de Douglas. Tamen Lincoln eniris la 4an de marto 1861 la Prezidantecon. Sed la sudanoj, komprenante, ke Lincoln baldaŭ liberigos la sklavojn, helpataj de la antaŭa prezidanto Buchanan kaj de ties pormilita ministro, kiu mem gvidis la ribelulojn, preparis la enlandan militon. Tiam Lincoln sciigis la usonanojn, ke lia unua idealo estas daŭrigi la unuiĝon, eĉ se la sklaveco ne estos forigita.

La 4an de februaro 1861, antaŭ ol Lincoln eniris la Prezidantecon, la Sudo sin deklaris sendependa, elektis kiel Prezidanton Jefferson-Davies kaj starigis propran nacian standardon kun palmo kiel insigno. Sekvis penaj bataloj, mirinde gviditaj de lertaj homoj, varbitaj de Lincoln, inter kiuj troviĝis la fama generalo Grant, post la morto de Lincoln elektita prezidanto de Usono. Iam li estis peltpreparisto.

Fine la milito ĉesis — la Nordo venkis. La dekreto pri forigo de la sklaveco estis eldonita, kaj iom post iom aplikata. Nun necesis restarigi la financojn de la ŝtato ĉar la milito — kiu daŭris 4 jarojn — kostis al Usono 12 miliardojn kaj 30 milionojn da dolaroj. Necesis ankaŭ helpi la familiojn de tiuj, kiuj mortis aŭ suferis pro la milito. Tion Lincoln faris senpartie ĉu por la nordanoj ĉu por la sudanoj. Tiuj kiuj batalis kontraŭ la nordanoj kaj tiuj kiuj estis arestitaj pro ribelo estis amnestiitaj. Sed la prezidanteco de Lincoln, kies daŭro en tiama momento estis necesa, devis baldaŭ ĉesi.

La 4an de marto 1865 oni reelektis Lincoln denove prezidanto. Kaj baldaŭ li devis per sia propra sango sigeli sian faron.

La 14an aprilo 1865, li iris al Ford's Theatre, kie oni devis prezenti la komedion *My American cousin* (elp. maj ameriken kozin = Mia Amerika kuzo). Post la fino de la dua akto, la aktoro John Wilkies Booth pafis kontraŭ Lincoln, kaj saltante sur la estradon, montris al la publiko ponardon kaj ekriis : « Sic semper tyrannis » (tiel ĉiam al tiranoj). Oni intencis ankaŭ atenci la vivon de Grant kaj de la ĉefministro Seward (elp. Seŭord). Sed la unua ne iris al la teatro, ĉar li estis iom malsana, kaj la dua atakita ĉe sia propra domo sin defendis kaj estis nur vundita.

La morgaŭon — 15-an aprilo 1865 — je la 7a horo la deksesa prezidanto de Usono mortis. Feliĉe liaj idealoj ne estis plu danĝerigitaj. Tiam oni komprenis kia homo mortis. La mortinta korpo de Lincoln trairis dum dekkvar tagoj la urbojn de la Nordo kaj de la Sudo, antaŭ ol alveni laŭ deziro de l'mortinto, al la enterigejo, al Springfield, kie estis enterigitaj liaj filoj. Dum la trairo ĉie floroj abunde falis sur la ĉerkon. Ploris nordanoj, ploris sudanoj, sed precipe ploris la negroj, kiuj ne povis forgesi sian savinton.

Rosario Sgroi (Catania-Italio).

**Pro nova aranĝo ni devis eluzi por ĉi tiu numero la jam antaŭe kompostitan materialon. Pro tio la enhavo estas parte iom hazarda.**

**La Redakcio.**

XXVIII-UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO EN WIEN 1936
8.-15. (15.-18.) AŬGUSTO.





VIENO 1936

XII-A SOMERA UNIVERSITATO
„KULTURAJ KAJ EKONOMIAJ PROBLEMOJ DE MEZ-EŬROPO"
INTERN. KONFERENCO DE VIRINOJ
VOJAĜO „TRA AŬSTRIO"
SALZBURG - WIEN - SEMMERING - GROSSGLOCKNER - SALZBURG
ĈARMAJ URBOJ - NEĜKOVRITAJ MONTOJ - BLUAJ ALPOLAGOJ - DANUBO
FESTARANĜOJ
KOSTUMBALO: „LA KONGRESO DANCAS"
OPERETO: „LA BLANKA ĈEVALETO"
KONGRESEJO: LA FESTSALONEGOJ DE IMPERIESTRA KASTELO „HOFBURG"
ADRESO: ESPERANTO-KONGRESO-WIEN-NEUE BURG.

*Protektoro:* Federacia Prezidanto de Aŭstrio.

*Kongresejo:* La salonegoj de iama imperiestra kastelo en Wien, Neue Burg.

*Adreso:* Esperanto, Wien, Hofburg.

*Kotizoj post 15-a de julio:*

I. sv. fr. 28.50; II. sv. fr. 17.75; III. sv. fr. 12.—.

*Helpkongresanoj*, kiuj ricevos ĉiujn dokumentojn, sed ne sendos reprezentanton: sv. fr. 12.—.

*Senpaga enir-vizo al Aŭstrujo*, kun escepto de senŝtatanoj kaj el USSR.

*Vojaĝ-rabatoj* sur fervojoj kaj ŝipoj an Aŭstrujo, Belglando, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanlando, Hungarlando, Italujo, Polujo kaj Rumanujo. Aliaj sekvos. Ni varbu ankaŭ *inter ne-esperantistoj*, por ke ankaŭ ili partoprenu nian Kongreson kaj estu varbataj pro nia movado!

La detala programo pri la kongreso aperos en la kongresa numero 7.

Aliĝu tuj, por ke vi ankaŭ povu partopreni en la diversaj ekskursoj, ĉar en la lasta momento ni ne povos garantii pri tute kontentiga servado al vi.

Ne preterlasu partopreni en la rondvojaĝo tra Aŭstrujo. Anoncu vin tuj al LKK.

Ĉiu aliĝinto ricevos tuj la kongresnumerojn jam aperintajn, krome aron da belaj gvidlibroj.

Bela albumo pri Wien aperos baldaŭ; ĝi enhavos en belega kupropreso proksimume 100 grandajn bildojn de Wien kun priskribo en Esperanto. La prezo estas S 2.70 en Wien, afrankite S 3.30. Mendu baldaŭ, ĉar nur malgranda kvanto estas presita.

28-a Univ. Kongreso de Esperanto.

## La Urbo de XXVIII-a
## KELKAJ INFORMOJ PRI VIENO

La aŭstra fremdul-varbado atingis en la lastaj jaroj tutan serion da tre gravaj sukĉesoj kaj fariĝis modela por aliaj landoj: ĝi kapablis dum mallonga tempo turni la atenton de la tuta mondo al la beleco kaj arto-riĉeco de sia lando.

La aŭstra propagando laboris en du direktoj. Oni klopodis per pli-faciligoj kaj rabatoj ebligi al la fremdulo kiel eble plej malkaran kaj plej komfortan restadon en la belaj Alpoj de Aŭstrujo, aliflanke oni elprofitis ĉiujn valorojn artismajn de Vieno kaj Aŭstrujo, kiuj — en specife aŭstra aranĝo kaj enkadrigo — kapablis ekinteresi la tutan kulturan mondon. Kiel ekzemplon oni devas mencii, inter aliaj, la hodiaŭ jam mondfamajn « Salzburgajn Festludojn » (Salzburger Festspiele) kaj «Vienajn Festsemajnojn» (Wiener Festwochen), kiuj krom artismaj sukcesoj, alportas ankaŭ materian profiton, venigante ĉiujare al Aŭstrujo la kulturan eliton de Eŭropo kaj Ameriko.

Loko, plej forte altiranta fremdajn turistojn al Aŭstrujo, estas nature Vieno. Grandega, dumiliona urbo inter Danubo kaj montdeklivoj de la al ĝi limanta Viena Arbaro (Wiener Wald), ĝi povas prave sin glori per tio, ke ĝi posedas la plej belajn regionojn el ĉiuj metropoloj de Eŭropo. La proksimeco de la montoj kreas tre favorajn sanec-kondiĉojn por la loĝantoj de la ĉe-danuba ĉefurbo, kiuj en tagoj liberaj de okupo, amase elveturas en la proksiman montaron.

La alveninton, enveturantan en la urbon, devas frapi la varieco de la stiloj de la multaj monumentecaj konstruaĵoj. Ĝi estas pruvo de la kulturaj influoj de popoloj, el kiuj siatempe konsistis la aŭstro-hungara monarkio. Tri kulturoj renkontiĝadis en Vieno, frotante unu kontraŭ la alia kaj ankaŭ kompletigante sin reciproke en perfekta maniero: germana, slava kaj romana. La postsignojn de tio ni renkontas en Vieno sur ĉiu paŝo, jen en la arkitekturo, pentrado skulptado k.t.p. Kaj jam plej evidentiĝas la sintezo de tiuj kulturoj en la Viena muziko.

De tio devenas ankaŭ tiu speciala karaktero de Vieno, ĉu en ĝia ekstera vesto, ĉu en la menseco de ĝia loĝantaro, al kio kunefikas eminente la naturo mem. Relative forta intenso de la sun-radiado, tero naskanta noblajn vinberojn, frue vekiĝantaj printempoj, mallongaj kaj facilaj vintroj, ĉio ĉi kuniĝis je tiu konata facila kaj gaja agordo de Vienano. En tiuj cirkonstancoj povis naskiĝi la fama senzorga Viena valso, kiu ĉirkaŭflugis la tutan mondon, tute ĝin ekregante. Tiu originala ter-angulo taŭgis perfekte por artisma verkado. Vieno fariĝis sidejo de grandaj verkistoj, kiel van Beethoven kaj aliaj. Vico da tomboj de eminentuloj sur la Viena centra tombejo atestas pri la granda art-historio de Vieno.



WIEN. — SCHÖNBRUNN-IMPERIESTRA KASTELO

En la muroj de aĝaj kasteloj, palacoj kaj muzeoj, estas enfermita la historio de Habsburga dinastio, de la origino de ĝia regado ĝis la tempoj de la epoko Francisko-Jozefa. La malnova imperiestra kastelo (Burg), historia rezidejo Schönbrunn, multaj kolektoj, fama « Albertina », respegulas bonege la karakteron de la ĉe-danuba metropolo kiel ankaŭ de tiuj, kiuj ĝin regis de jarcentoj.

Bela kaj originala estas la riĉeco de arkitekturo de Vienaj preĝejoj kun la dominanta turo de l'katedralo de Sankta Stefano.

Preskaŭ dum unu jarmilo estis Vieno unu el la plej brilaj rezidejoj de regnestroj en la tuta mondhistorio, unue de Babenbergaj markgrafoj kaj dukoj, en kies kortego kantis la fama poeto *Walter von der Vogelweide,* poste de habsburgaj kaj habsburg-lotaringiaj imperiestroj de la Sankta Roma Imperio de l'germana nacio kaj de Aŭstrujo, kiuj helpis al la urbo al superreganta politika pozicio, faris ĝin centro de regno, ampleksanta milionojn da homoj de plej diversaj popoloj, kiuj altiris la plej eminentajn spiritojn el ĉiuj landoj al Vieno kaj tiun ĉi, komune kun la aristokrataro de Aŭstra imperio, ornamis per la plej grandiozaj konstruaĵoj kaj palacoj, estantaj ankoraŭ hodiaŭ la fiero de ĉiu Vienano, la ravo de ĉiu fremdulo.

Ĝia pozicio kiel ĉefurbo de unu el la plej grandaj regnoj de Eŭropo kiel ankaŭ ĝia treege, favora geografia situo ĉe kruciĝa punkto de du ĉefaj komercaj stratoj de Eŭropo, la unua, de nordo al sudo, laŭlonge de kiu jam antaŭ naskiĝo de Kristo *la sukceno,* kolektata de germanaj barbaroj en la sablo de Balta Maro, estis transportata suden kaj elŝanĝata kontraŭ produktoj de Roma metio, la dua, laŭlonge de Danubo de okcidento al oriento, ankaŭ hodiaŭ ankoraŭ la plej grava kunliga linio inter la okcidenta kulturo unuflanke, la Balkanaj ŝtatoj kaj la tuta Oriento aliflanke, fondis frue altan ekonomian evoluon de Vieno kaj ĝia riĉeco fariĝis grundo por riĉa kaj specifa kulturo. De la kantistoj de « Kanto de Nibelungoj », de Walter von der Vogelweide kaj Neidhart von Reuental, kies gajaj danc-kantoj en la 13-a jarcento same rapide disvastiĝis en tuta Eŭropo, kiel 600 jarojn poste la valsoj de Strauss kaj Lanner, ĝis la Burgteatro, la klasika teatro de germana lingvo; de la grava gotika Viena skolo skulptista kaj pentrista, ĝis la pentristoj Füger, Makart, Klimt kaj Kokoschka, la skulptistoj Zumbusch kaj Hanak; de la arkitektoj de Sankt-Stefana katedralo ĝis Fischer von Erlach kaj Hildebrandt, Otto Wagner kaj Josef Hoffmann — *en ĉiuj artoj estis Vieno lulilo de geniaj spiritoj, de specife Viena, ekstreme alta nivelo.*



WIEN. — NACIA BIBLIOTEKO-POMPSALONEGO



WIEN. — MALNOVA URBDOMO
ANDROMEDA-PUTO

Sed la plej grandan gloron ĝi dankas al la grandaj muzikistoj, kies patrino ĝi estis kaj kiuj ĝian nomon portis eksteren en la tutan mondon kaj faris ĝin senmorta : Gluck, Mozart, Haydn, Beethoven, Schubert, Bruckner, Brahms, Hugo Wolf, Mahler, Richard Strauss — en facila muziko la valsdinastio Strauss, Lanner, Franz Léhar kaj aliaj majstroj de l'moderna Viena opereto — neniu alia urbo de l'mondo povas sin ornami per egale radiata diademo de muzikaj herooj. Sole Roma, Paris kaj London estas kiel kulturcentroj kompareblaj kun Vieno.

Tamen ne nur en la belaj artoj, ankaŭ *en scienco kaj tekniko* konservis Vieno en ĉiuj tempoj altan rangon; la glorriĉa medicina skolo Viena, altiranta el la plej fora eksterlando nuntempe same kiel en tempoj pasintaj malsanulojn serĉantajn resaniĝon, jursciencistoj de internacia famo, la Viena Universitato, en kiu agis kaj verkis la astronomo Doppler, la inventinto de Doppler'a principio, Theodor von Sickel, la fondinto de l'moderna histori-esplorado, la tri famaj astroj sur firmamento de la scienco Wickhoff, Riegel kaj Dworak, la kreintoj de l'moderna artoscienco, krom sennombraj aliaj eminentaj scienculoj, la Viena tekniko, en kiu instruadis Ressel, la inventinto de l'ŝip-helico, donas pri tio elokventan ateston.

**FORTIGU la centran organizon de la movado**

# PRINTEMP-VOĈOJ

En la dancsalono ĉe Sperl en la Viena antaŭurbo Leopoldstadt regis gaja moviĝo. Straŭss, la juna, ree foje estis ŝanĝinta la lokon kaj ludis ĉi tie anstataŭ ĉe Dommayer en Hietzing. Liaj melodioj, kiuj tiel refreŝige efikis kiel glaso da nova vino en ombromalvarmeta kaŝita ĝardeneto en Grinzing kaj kiuj per sia gajiga afableco kuntiris ĉion, kio havis piedojn, allogis dancamajn arojn, kiuj plejparte pare venis alpilgrimantaj.

Kvankam la gastoj, kiuj plenigis la longforman salonon, estis diferencaj, tamen ne mankis certa eleganteco. Ne mirinde ! Oni ja povis legi sur la afiŝo en grandaj literoj : « Livreo, dormĉapo kaj negliĝo ne allasataj ! »

Paroj dense flankon ĉe flanko, petolemaj grupoj, sporade sinjoreto kokete vestita, serĉanta solecan virinan estajonili ĉiuj interpremiĝis en la densega aero, en kiu apenaŭ videble tremis la brileto de l'kandeloj.

Subite silentiĝis. Straŭss estis alirinta al la muzikpupitro, apogis la violonon kontraŭ la maldekstra kokso kaj levis alten la arĉon.

Nun perl-ondis rava melodio tra la ejo kaj la paroj feliĉege ekturnis sin. Senmove sennombraj virin-okuloj alrigardis la palan, gracilan junan viron, kies okuloj disĵetis pli da fajreroj en la ejon ol ĉiuj kandeloj kune. Noktnigraj estis la maldensaj lipharoj kaj la harbuklo, kovranta la duonan frunton. Lia arĉo batis terciojn kaj kvartojn pli fajre kaj pli forte, ol se ili estus batoj por honoro kaj patrujo.

La tonoj perdiĝis.

Babilante kun amiko, Straŭss staris proksime de la orkestro. Ĉiumomente oni interrompis lian konversacion. Iu eldonisto montris al li la presprovaĵojn de lia plej nova valso ; poste agento postulis lian subskribon sur kontrakto, devigonta lin je favoraj kondiĉoj por la somero en iun kuraclokon ; nun eleganta filistro embarasite alpremis sin al li kaj petis — la majstro bonvolu direkti la orkestron dum la venonta amuzvespero de la burĝaj kolbasistoj kaj se eble komponi konvenan valson. Tiamaniere daŭre.

Ĝemante Straŭss fine diris : « Foje mi volus esti homo por kelkaj horoj... veturi en la Vienan Arbaron... aŭskulti tie la dolĉajn voĉojn, kiuj ja estas nekompareble pli belaj ol ĉio, kion ni homoj kapablas esprimi per tonoj. »

« Kaj malgranda junfraŭlino ja povus ankaŭ ĉeesti », diris petoleme amiko, premfermante unu okulon.

« Ankaŭ kontraŭ tio mi ne protestas », rediris Straŭss kaj ree rapidis al la pupitro, ĉar la gastaro volis danci.

Kiam Straŭss ekiris hejmen, estis tempo, pri kiu oni ne scias, ĉu oni diru « malfrue en la nokto » aŭ « frue matene ». Post malmultaj horoj de malkvieta dormo li ree ellitiĝis. Apud la matenmanĝo li trovis rozkoloran letereton. Li jam volis forĵeti ĝin nemalfermita — tiaj signoj de arda estimo estis ja por li nenio nova — sed io premis la aroman ajon en lian manon, li ŝirmalfermis la leteron kaj legis :

« Altŝatata majstro Johano !

Hieraŭ mi el viaj vortoj aŭdis la ardan sopiron al unu tago en la ĉarmo de la Viena Arbaro. Ĉi tiun semajnon estos a Sankta Vendredo, tial vi ne koncertos vespere, povos lsatdormi kaj sabate mi atendos vin je la naŭa ĉe la diliĝenco antaŭ la doganejo de Mariahilf.

Ni veturos al Maria Brunn kaj promenados tra la arbaroj al Dornbach kaj Neŭwaldegg. Poste vi povos ankoraŭ ĝustatempe veni al Sperl.

Ne pensu ion malbonan pri mi ! Mi estas deknaŭjara, blonda kaj mezstatura. Mi volas nenion alian, ol ŝiri vin for por mallonga tempo el via konfuzo, mi volas nur kaŭzi, ke vi povu esti homo por kelkaj horoj. Mi estas honesta knabino.

Antaŭĝojas pri la revido kun koraj salutoj via

HELENE.

Postskribaĵo. Ekkonilo : violoj ĉe la brusto. »

« Majstro Johano » ridetis.

Li jam ricevis multajn tiajn leteretojn, ĉiu skribintino celis ion alian ol ĉi tiu. Tia afero estis nova. Li decidis iri.

Sed Straŭss en la Sankta Vendredo ne tiom frue enlitiĝis kiel Helene eble estis pensinta. Li apenaŭ kapablis fermi la lacajn okulojn, dolorantajn pro fumo, kaj la ĉampano bruegis en lia kapo.

Strange, ke ĝuste hodiaŭ lia vivo spirite preterpaŝis lin, vivo, kiu tiom multe kaj tamen tiom malmulte estis doninta al li.

Li vidis sin sur la benko antaŭ la orgeno en la preĝejo, kie lia brava instruisto instruis lin ludi kaj komponi piajn ĥoralojn. Sed kio estiĝis el tio, estis tre monda danco, kaj eĉ ne laŭ dutempa takto, sed en senrespekte saltetanta valsopaŝo.

Poste la severa, ja kelkfoje vere kruda patro, la tirano de l'gepatra domo, kiu neniam volis ekkoni, ke la filo sekvas al li en la majstreco. La unuaj sukcesoj, kiuj poste ĉiam pli oftiĝis kaj fariĝis pli entuziasmaj — kaj tamen li ankoraŭ neniam povis ĝui trankvile la vivon.

Kun abomeno li pripensis, ke li verdire ĉiam kun postdrinka kapdoloro, ne dorminta, dormema en angulo de la malpleniĝanta salono sur menuon skribis siajn verkojn aŭ rapidante de unu balo al la alia notis ilin sur la manumon.

Tiamaniere ege kreskis lia sopiro al ĉi tiu ekskurso en la Vienan Arbaron kun Helene, al li nekonata.

Eĉ ne du horojn li estis dorminta. Rapide li vestis sin kaj veturis per fiakro al la doganejo. Tie li atendigis la veturilon kaj serĉis la knabinon.

Baldaŭ li ekvidis ŝin. Kvazaŭ porcelana pupeto ŝi tie staris proksime de la deliĝenco en siaj krucforme ligitaj ŝuoj kaj la flordesegnita vesto. Ĉe ŝia brusto estis fiksita grandega viol-bukedo. Sur palblua rubando pendis de sur la brako la granda pajla ĉapelo, ĉar Pasko ĉijare estis tre malfrue kaj sunplena printemp-mateno logis en la Vienan Arbaron.

Straŭss salutis, ŝi embarase ridetis. Li kondukis ŝin al la fiakro kaj baldaŭ galopadis la nigraj ĉevaloj kun sia ĉarma duobla ŝarĝo tra Fünfhaus kaj Hietzing al la Viena Arbaro, kiu paradis en la unua verdaĵo.

En Maria Brunn Straŭss pagis la fiakriston kaj baldaŭ la printemp-varmeta arbaro ĉirkaŭis ambaŭ gajajn homojn.

Majstro Johano estis tute ne re-ekkonebla, tiom kontentege kaj kore li babilis kun la bela knabino ĉe sia flanko.

Kiel fianĉina kiso la vento blovetis trans la etendiĝantaj suproj de la Viena Arbaro, sed ekstere sur la kampoj ĉe la arbarrando ĝi senbride petolis.

Nun la vojo tien kondukis kaj Helene subite vokis :

« Majstro Johano, ĉu vi vidas la alaŭdon leviĝi en la eteron, ĉu vi aŭdas ĝian dolĉan kanton, kiun ĝi, balanciĝante en la sunbrilo, kantas por la gloro de Dio ?... Nun ni ĉiuj scias : La printempo estas veninta... Mizero kaj turmento finiĝas, doloroj ĉesas, gajaj bildoj aperas... la kredo al amo kaj feliĉo vekiĝis ! »

La vojo rekondukis en la arbaron.

« Majstro Johano ! » Helene denove vokis, « aŭdu do ! Ankaŭ ĉi tie la arifonto, kiu tiom longe ĉesis flui ree fluegas ! Kiel ĝojkrias el la branĉoj ! »

Ĉiam aliaj printemp-heroldoj salutis kun ĝojego, ĝojkrio kaj triumfo de sur ĉiuj arboj, el ĉiuj arbustoj kaj plektbariloj, el de la valo supren, el de la deklivoj malsupren.

La horoj pasis al ambaŭ printemp-migrantoj kiel minutoj. La suno jam estis subironta, jen nova bronza tono miksis sin en la simfonion de la naturo — la sonoriloj de rezurekcio...

Krepuskiĝis. La kantado de l'birdetoj iom post iom mutiĝis, sed alia dolĉa, milda ario nun aŭdiĝis, pli delikata kaj pli kora ol ĉiuj ĝisnunaj voĉoj — la ario de l'najtingalo.

Ĝia melodio estis plena de arda amo, sed ankaŭ malforta antaŭsento de timo kaj ĉagreno kuntremis kaj Straŭss kaj Helene, silente aŭskultantajn la sonojn, kiuj ilin ĉirkaŭprenis kiel melankolia sonĝo.

Ili nun venis al Neŭwaldegg ; baldaŭ ili sidis en fiakro kaj veturis al la urbo.

Straŭss elpoŝigis paperfolion, sur kiun li survoje iam kaj iam skizis kelkajn notojn.

« Tio fariĝos bela valso », li mallaŭte diris. « Kiel ĝi nomiĝu ? »

Ambaŭ silentis ; estis, kvazaŭ nomo devus naskiĝi, kiu povus daŭri eterne. Helene volis unue ekparoli, sed restis silenta.

« Nu ? » Straŭss ridetante demandis.

Ŝi nun tute mallaŭte diris : « Printemp-voĉoj. »

Straŭss rigardis profunden en ŝiajn petolemajn okulojn, nun tegitajn de malseketa brilo, poste kisis ŝin longe sur ŝian infanecan frunton kaj ree ambaŭ longtempe silentis.

Ĝis majstro Johano diris : « Kiam ni denove kunvenos, mi finkomponos la valson. »

« Majstro », diris ŝi, « mi vokos vin, sed tiam vi devos tuj veni, kie ajn vi estos, kaj devos alporti vian violonon. Ĉu vi volas tion promesi al mi ? »

« Jes » ! Straŭss diris simple, sed decide.

« Manskuon ! » ŝi petis.

« Manskuon ! » li diris kaj kisis ŝian blankan mallarĝan maneton.

Dume oni atingis la urbon. Helene petis nun pri permeso elveturiliĝi. La fiakro haltis. Kiam la ĉevaloj ree ektiris, la komponisto mansignis al la ĉarma blondulino, kiu rapide ĉirkaŭiris stratangulon.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Jaroj pasis. Helene ne plu estis vokinta la majstron. Sinjoro direktoro de la kortega balorkestro jam estis edziĝinta la duan fojon. En la nervkonsumanta kurado, pelanta la valsreĝon de unu dancejo al alia, de unu lando al alia, ja eĉ trans la oceanon, nur malofte restis al li momento por rememori tiun printemp-tagon en la Viena Arbaro.

La paperfolio kun la du, tri tiam skizitaj valsmotivoj ankoraŭ ĉiam kuŝis en lia skribtablo ; ofte li estus bezoninta unu el ili, sed li neniam uzis ilin. Kiom ofte li prenis ilin en la manon, ilia rava vigleco sekrete ĝojigis lin.

Refoje printempiĝis en la Viena Arbaro. « Majstro Johano » ĵus direktis koncerton, kiam oni transdonis al li urĝan leteron. Li ŝirmalfermis ĝin kaj legis :

« Majstro Johano, venu kun via violono ! Helene ».

Unu momenton Straŭss fiksrigardis antaŭ sin, poste li transdonis sian taktilon al la unua primviolonisto kaj post unu minuto jam li sidis kun sia violono en fiakro. Veninte al sia celo, li rapidis du ŝtuparojn de malnova antaŭurba domo supren kaj eniris antaŭĉambron, en kiu kelkaj plorantaj personoj staris. Unu el la viroj embarasite petis pardononli al lia mortonta patrino plenumis la strangan deziron, voki la majstron al ŝia lito.

Straŭss emociite eniris la mortĉambron. Mallaŭte li fermis la pordon. Li volis esti sola kun Helene. Ŝi pala kuŝis tie, direktante al li la flagrantajn okulojn, plenajn de feliĉego. Vazo kun multaj violoj staris sur la litotableto.

« Majstro Johano », ŝi diris kun rompiĝanta voĉo, « vi ankoraŭ ne komponis... la valson... Printemp-voĉoj... » Ŝia voĉo nun tute mutiĝis...

Sed Straŭss ekkaptis sian violonon kaj ludis mallaŭte, dum Viena animeto flugis ĉielen...

Postan tagon la « Printemp-voĉoj » la unuan fojon sonis tra la koncertsalono. Kiam la majstro estis devigata, ne nombreble ofte klini sin pro danko, arĝenthela larmo ruliĝis sur lia pala vango.

August Eigner.

---

# Konsolo

*La tempopaso ĉion ja nivelas,*
*Kaj forgesiĝas ĉiu kordolor'.*
*Se ĉiu sento nun en vi ribelas —*
*La tempo fluge ĉion plugos for.*

*Mi scias ja — tre longe vundo gutas,*
*Sed — estingiĝas fine ĉiu flam' ;*
*Degelas brulo, kaj la senl' ekmutas.*
*La lastan akton havas ĉiu dram' !*

*Ja vivu nur... La tagoj preterfluos,*
*Forlavos ĉion, kio ardas nun.*
*Jen, — venos temp', kaj vi denove ĝuos,*
*De nove ravos vin la ora lum' de l' sun'.*

N. Ĉulitis,

(El « Literatura Mondo »).

---

# ĈIAMAĴOJ

16

Ne lasu la tempon sola agi por vi — helpu ĝin.

17

Kiu multon postulas, plejparte nur malmulton donas.

18

Kuraĝaj agoj ne ĉiam estas sekvo de kuraĝo — ofte ilin sekvigas nekompreno pri la danĝero.

19

Dolora dento, se ĝi ne estas kuracebla, devas esti forigita.

20

Se la vizaĝoj respegulus la travivaĵojn de l'homoj, estus terure iri tra la stratoj.

M. M.

# ESPERANTO EN LA URBA BIBLIOTEKO DE RIO-DE-JANEIRO

Por la Esperanto-movado en Brazilo estas karakteriza la propagando ĉe la oficialaj medioj. Tiu propagando, kiun Brazila Ligo Esperantista faras ĉiam kun brila sukceso, atingis nun novan ŝtupon : la inaŭguron de Esperanto-fako en la Urba Biblioteko de Rio-de-Janeiro. Antaŭ kelka tempo la biblioteko havigis al si Esperantajn verkojn. La aŭtoroj de l'nova portugala-Esperanta vortaro donacis al la biblioteko ekzempleron. La direktoro, d-ro Raphael Pinheiro, tre simpatias al nia afero kaj tial volonte kaj entuziasme konsentis difini apartan lokon por Esperanto.

Brazila Ligo Esperantista kun antaŭdanko petas ĉiujn esperantistojn kaj precipe la eldonistojn, ke ili bonvolu sendi esperantajn verkojn, revuojn, gazetojn ktp. al la biblioteko laŭ jena adreso : D-ro Raphael Pinheiro, Direktoro de Biblioteca Municipal, Rio-de-Janeiro, Brazilo. Se ili bonvolus samtempe gratuli kaj danki la direktoron, nia sukceso estus duobla. Ankaŭ solaj gratuloj estus bonvenaj kaj efikaj.

---

# La Panpacifika Ekspozicio en Nagoja 1937

Nagoja la tria granda urbo de Japanujo, superita nur de Tokio kaj Oosaka, estas moderna industria centro, kiu rapide progresas kaj disvolviĝas. Laŭ la lasta kapkalkulado ĝi havas 1,080,000, loĝantojn. La industria produktaĵo de la urbo kun la apud-distrikto estas taksata je 1,000 milionoj da jenoj. Ĝi faras eksterlandan komercon jare por pli ol 225 milionoj da jenoj.

La rimarkinda kreskado de Nagoja estis ebla dank'al kombino de faktoroj, kiuj estas decidaj por vere sukcesa industria disvolviĝo. Ĝi havas maloftajn en aliaj urboj klimatajn, geografiajn kaj aliajn naturajn superecojn kaj plue abundecon de malkara elektro por motora forto. Ĝia loĝantaro estas diligenta, honesta kaj kapabla ; la interrilato inter kapitalo kaj laboro estas la malplej malglata,

Ĉiuj branĉoj de la moderna industrio prosperas en Nagoja, La urbo esta la centro de kotona ŝpinado kaj teksado, lana fabrikado, porcelana kaj alia industrio. En 1933 la nagoja distrikto liveris 14% de la tuta japana produktaĵo de kotonfadenoj, 27% de kotonaj pecokomercaĵoj, 52% de lana fabrikaĵoj, kaj 55% de porcelanaĵoj.

Pro manko de sufiĉe taŭgo haveno, eksterlanda komerco de la urbo ĝis la lasta tempo efektiviĝis per komercaj firmoj, sidantaj en aliaj havenoj. Por forigi ĉi tiun maloportunecon la urbo voĉdonis projekton pri plibonigo de la haveno je 37.000.000 jenoj, kaj la laboro estas jam vigle farata.Kiam ĝi estos finpreta — en 1937 — la haveno Nagoja havos la plej vastan dokon kaj oportunan ankradejon por 66 ŝipoj de malpli ol 20,000 tunoj. Se la havena plibonig-laboro iros glate, la partopreno de Nagoja en la nacia eksterlanda komerco baldaŭ fariĝos grandega. Kiel la granda centro de ŝpinado kaj teksado de kotono kaj lano, de lignaj-fabrikado kaj farunomuelado, Nagoja kaj la apuda distrikto servas kiel granda elirejo por siaj krudaj materialoj : kruda kotono, tritiko, ŝtipligno kaj grejnoj, kiuj estas importataj ĉefe de la landoj borderantaj la Pacifikon kaj Hindujon.

Nagoja estas ankaŭ fama pro siaj multaj lokoj de mirinda beleco kaj de historia intereso. Estas la arkitektura grandiozeco de la Nagoja Kastelo, kiu altiras altan admiron de vizitantoj, la bele pentritaj ekranoj de japana propra tekniko en la antaŭa Imperia Aparta Palaco, la famaj kolektoj de malnovaj dokumentoj rezervataj en Oosu kaj Nanacu-dera, ĉiuj multvaloraj testamentaĵoj de la antikva Japanujo, la kompleta kolekto de maloftaj kaj netakseblaj antikvaĵoj en la Tokugaŭa Arto-Muzeo. La markorva fiŝkaptado sur la Nagara-Rivero kaj la bela marbordo de Gamagoori, provizas al turistoj amuzon nekompareblan kun aliaj lokoj.

En 1937 estos okazigata la Nagoja Pan-Pacifika Pac-Ekspozicio por memorfesti la kompletigon de la diversaj modernaj vastampleksaj aranĝoj, kiujn Nagoja instalas je grandega elspezo, klopodante fari la urbon plej moderna entrepreno. Kiam la preparado de la ekspozicio estos plenumita, estos kompleta ankaŭ la supredirita haveno-plibonigo. 27.000.000 da jenoj estas asignitaj por rekonstruado de la Nagoja Fervoja Stacidomo, kiu estos preta por akcepti el ĉiuj partoj de la mondo vizitantojn al la ekspozicio. Nagoja pretigos ankaŭ aerohavenon, turistan hotelon, modernan guberni-oficejan konstruaĵon kaj Higaŝijama-Parkon kun botanika kaj zoologia ĝardenoj. La ekspozicio celas prezenti ĉi tiun prosperantan urbon al la mondo kaj krei turnpunkton en ĝia glora estonta progreso.

Komitato-Oficejo de la Ekspozicio
Nagoja Urbo-Oficejo,
Minami-Sotoboro-ĉoo, Niŝi-ku, *Nagoja*, Japanujo.

# LUMIGSCIENCA VORTARO KUN ESPERANTAJ TERMINTRADUKOJ

En la pasinta somero mi hazarde aŭdis de d-ro M. Minnaert, ke oni preparas la eldonon de nederlanda faka vortaro pri lumigo, kiu enhavos krom la nederlandaj terminoj kaj difinoj ankaŭ tradukojn germanan, anglan kaj francan. Tuj mi komprenis, ke jen prezentiĝas ŝanco pro Esperanto. Post interkonsiliĝo kun s-ro Robert Kreuz, mi priparolis la aferon kun d-ro Minnaert, kiu konsilis al mi pretigi la tradukojn de la unua parto prove, kaj tiam fari proponon al la vortara komisiono. Mi tion faris kun bonvola helpo de s-roj inĝ. Isbrücker kaj d-ro Eugen Wüster. De ĉi tiu lasta mi ricevis ankaŭ raporton pri la ĵusa sukceso en la Kongreso de la Internacia Elektroteknika Komisiono, kiu akceptis Esperanton por sia granda internacia vortaro. En tiu raporto mi trovis inter la nomoj de la kongresanoj-esperantistoj ankaŭ tiujn de inĝ. Van de Well kaj Prof. Thierens. Ambaŭ estas membroj ankaŭ de la nederlanda vortara komisiono pri lumigscienco ; prof. Thierens estas eĉ ĝia prezidanto. Do la ŝancoj estis vere bonaj. La 3an de marto 1936 la komisiono kunvenis kaj preskaŭ sendiskute kaj unuanime akceptis la proponon. Nun ni bezonos helpon, kaj baldaŭ. La tradukoj estu juĝataj kaj pririmarkigataj de kompetentaj fakuloj esperantistaj. Do (lum-) fizikistoj kaj ankaŭ okulistoj, kiuj volas helpi nin, bonvolu sin anonci al mi, kun informo pri faka kaj lingva kompetentecoj. Kompreno de lingvo nederlanda ne necesas. Ni celas al kiel eble plej granda perfekteco de la esperantlingva terminaro. La afero urĝas. Kompetentuloj do ne estu avaraj pri sia helpo ! !

W. P. Roelofs, del. de UEA, Dalweg 6.
*Soest*. Nederlando.

# KRONIKO

— La urbestraro de Lichtervelde (Belgujo) decidis nomi « Esperanto-strato » la novan straton, kiu estas parto de la nova ŝoseo por aŭtomobiloj de Bruselo al Gento, Lichtervelde kaj De Panne.

— En Francujo la konsilantaroj de la urboj Bougival kaj Rethel kaj de la departamento Aisne voĉdonis deziresprimojn pri instruo de Esperanto en la lernejoj.

— En 1935 en Ĉeĥoslovakujo 312 gazetoj publikigis 1.766 artikolojn pri respektive en Esperanto.

— La organo de la fervojistaj sindikatoj en Alsaco (Francujo) — eldonnombro 20.000 ekz. — decidis regule publikigi rubrikon pri Esperanto.

— Okaze de la malfermo de la leĝodonaj ĉambroj en Belgujo estas prezentita leĝpropono pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn. La propono estas subskribita de dek parlamentanoj kaj de ses senatanoj.

— La deputito de Alger en la franca parlamento, s-ro M. Régis, aliĝis al la parlamenta Esperanto-grupo.

— En Besançon (Francujo) fondiĝis Esperanto-grupo, kies prezidanto estas la rektoro de la universitato.

— En la sola infan-hotelo de Nederlando (Amsterdam, Wouwermanstraat 30) estas uzata Esperanto. La hotelo mem nomiĝas « La Espero ».

— En Boulogne-sur-Mer (Francujo) Esperanto estas enkondukita en la urba kolegio A. Marietti, en kiu 50 lernantoj sekvas kurson de prof. Faire.

— En la ĝendarma lernejo en Praha (Ĉeĥoslovakujo) estas aranĝataj oficialaj Esperanto-kursoj por la ĝendarmoj.

— En la franca urbo Hyères nova strato estas nomita strato de Zamenhof.

— La laboroj por la konkurso, aranĝita de la unuiĝo « New History Society » en Usono (East 65th street, New York), pri la temo « Kiel la homaro atingos ĝeneralan malarmadon ? » povas esti verkitaj en Esperanto.

— En Lichnov (Ĉeĥoslovakujo) estas starigita Esperanto-memorŝtono. Sur soklo el du ŝtupoj estas metita stelo kaj apude tabulo kun jena teksto en ĉeĥa lingvo kaj en Esperanto : 1859-1917. Al memoro de Dr. L. L. Zamenhof la kreinto de internacia lingvo Esperanto 1936.

— En Japanujo — dank' al klopodoj de niaj samideanoj Eliiĉi Kaŭakita kaj Rjoozoo Nakajima — al diversaj industriproduktaĵoj, destinitaj por la eksporto, estas donitaj esperantaj nomoj. Tripiedo por fotografilo estas nomita « malpeza » (kun indiko sur la etiketo, ke la vorto apartenas al la *internacia lingvo* Esperanto). Okulbandaĝo ricevis la nomon « sana ». Aŭtomata obturigilo nomiĝas « rekta » kaj enhavas instrukcion pri la aplikado en Esperanto.

— International Friendship League (Internacia Amikeca Ligo), kiu estis fondita en Anglujo antaŭ kvin jaroj kaj kiu havas filiojn en Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Nederlando, Norvegujo kaj Svislando, starigis Esperanto-Sekcion. La Esperanto-Sekcio aranĝas en ĉi tiu jaro internacian libertempadon — en Anglujo dum 11-25 de julio kaj en Belgujo dum 15-29 de aŭgusto. Detalojn donas la Ligo : 13 Tavistock Square, London W.C.1.

# KLARIGOJ kaj KONSILOJ

29) *S-ro N. en H.* La demando estas tre grava. La malzorgaj aŭ senhonestaj « filatelistoj », misuzantaj konfidon, nepre devas esti kontraŭbatalataj — eventuale per publikigo sur « nigra listo ». Sed alia devas esti nia rilato al korespondemuloj, kiuj — plejparte spite al sia promeso — ne respondas al la ricevitaj leteroj. Internacia korespondado certe havas tre grandan signifon por la disvastigo de nia lingvo kaj por la efektivigo de ĝia interna ideo. Imagu tamen la situacion de samideano, kiu responde al sia koncerna anonceto, ricevas dekojn da alskriboj kaj kiu ne havas la tempon por ĉiujn kontentigi aŭ la monon por la afranko. La afero, ŝajnas al ni, devas esti starigita sur tute novan bazon kaj ni intencas baldaŭ publikigi specialan artikolon pri tio kun detala propono.

30) *S-ro G. en R.* Plene liberaj homoj ne ekzistas sur nia tero. Ĉu via ĉefo estas tute libera en siaj agoj ? Ĉu la ĉefministro de via lando povas ofici laŭ sia propra — interna — bontrovo ? Ĉu li ne estas dependa de influaj medioj, de politikaj partioj ? Kiam oni batalas por libereco, ĉiam temas nur pri libereco relativa, kiu sola estas ebla en homa socio.

31) *S-ino F. en S.* Vi fiere deklaras, ke vi estas « kontraŭ religio kaj moralo ». Plejparte tiaj deklaroj estas sekvo de miskompreno : oni konfuzas religion kun religiaj ritoj kaj oni ne komprenas, kio estas moralo, kiun en realeco *neniu* — eĉ ne ŝajne plej senmorala homo — povas tute malatenti kaj malobei. Nun kio koncernas la problemon de mondlingvo, ĉu vi vere ne vidas ĝian netakseblan valoron ĝuste por la praktika vivo, kiu sola interesas vin ?

32) *F-ino M. en P.* Via nobla altspirita vidpunkto multe plezurigis nin. Jes, jam la fakto, ke intimaj rilatoj inter viro kaj virino povas sekvigi la aperon de nova homa estaĵo, jam tiu fakto sola montras al ĉiuj normale pensantaj kaj normale sentantaj, ke tiuj rilatoj ne povas esti rigardataj simple kiel plezurajo. Se via amiko iomete amas vin, li vin komprenos kaj respektos vian sintenadon.

M. M.

## Esperanta prospekto pri Berno

Instigitaj de bernaj esperantistoj, la Oficiala Kontoro de Trafiko en Berno (Svisujo) decidis fari provon eldonante turisman prospekton esperantlingvan pri la svisa ĉefurbo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj. Specialaj aranĝoj konsentataj de hoteloj kaj ĉefaj fervojoj igas malmultekostaj la vojaĝadon kaj restadon en Svislando. Bona okazo por travojaĝi Svisujon kaj viziti Bernon estos por multaj esperantistoj la venonta Universala Kongreso de Esperanto en Vieno.

La Trafikkontoro intencas daŭrigi la utiligon de Esperanto en ĝia propagando, se tiu ĉi unua provo kontentigos ĝiajn esperojn.

La prospekto estas ricevebla senpage ĉe Oficiala kontoro de Trafiko, Bundesgasse 18, Berno (Svislando), kiu ankaŭ plezure donos al ĉiu demandonto pluajn informojn.

# La ideo de normo en la lingvo

*(Daŭrigo)*

Se oni konsideras hodiaŭ la kolerplenajn batalojn faritajn ekzemple pro la demando, ĉu la infinitivo devas — devas ! — finiĝi per « i » aŭ per « ar », oni nur povas konstati kun bedaŭro, kiom da tempo nerekondukebla kaj kiom da valorplena laborpovo estas uzitaj pro tute bagatela afero. Estu permesata al mi diri, ke hodiaŭ — speciale post la apero de la libro de Wüster, kies traduko alilingven estas ankaŭ grava tasko — ni scias, ke la problemo de la internacia helplingvo ne estas la unu aŭ alia regulo pri vortfarado el diversaj radikoj per afiksoj aŭ la gramatiko, sed — oni devas ripeti ĝin, ĝis oni aŭskultos — la treege plej malfacila kaj ampleksa tasko estas la kreado de la specialaj esprimoj el ĉiuj fakoj kaj por ĉiuj celoj : scienco, tekniko, industrio, komerco, trafiko. Ni lernis ĉe Wüster, ke nur en la elektrotekniko oni uzas 20.000 — dudek mil ! — ideojn diversajn, kiujn devas kompreneble koni la fakulo, ne nur en sia gepatra lingvo, sed ankaŭ en tri aŭ kvin aliaj lingvoj, por utile sekvi la nunan internacian literaturon. — Mi estas feliĉa, ke mi povas atentigi al grava fakto en la elektroteknika, eĉ ĝenerale en la teknika literaturo : la franca societo de la elektroteknikistoj publikigas de post la jaro 1932 resumojn el sia bulteno en Esperanto. Laŭ mia ideo jam tre baldaŭ tiaj Esperantaj resumoj povus plifaciligi la tutan bibliografian laboron : se ĉiu aŭtoro — kiu do estas la homo la plej interesita je la plej ĝenerala diskonatigo de siaj verkoj aŭ artikoloj — aldonus ĉiam resumon en Esperanto, oni povus publikigi kelkmaniere oficialajn enhavajojn tre rapide kaj malmultekostajn, kompreneble sen ia limigo de la kritiko, kiu estas kaj restos gravega por la tuta scienca vivo. La zoologia scienco okupas sin pri 1.000.000 — unu miliono — da specoj animalaj, al kiuj ĉiuj oni devis doni nomon ; tio okazas jam laŭ normita metodo, per latinaj vortoj, kiel oni scias. Oni konas tamen la malfacilon rezultantan el la diversaj manieroj, laŭ kiuj oni prononcas latinajojn en la diversaj landoj, kie parte la prononcmaniero eĉ ŝanĝiĝas de tempo al tempo. La diritaj nombroj — kiuj kompreneble neniam malpliiĝas — prezentas ideon pri la amplekso de la laboro necesa ĝis la venko de nia sankta afero : ĉar la fakistoj bezonas por ĉiaj fakaj esprimoj Esperantan vorton zorgeme elektitan ; mi scias, ke oni komencis en granda oferemo kaj entuziasmo tiun ĉi laboron. Sed oni bezonas ankaŭ la vortarojn komunikantajn la tradukaĵojn el Esperanto nacilingven same kiel el la naciaj, kulturaj lingvoj Esperanten. Grandega kaj multekosta laboro ! Kaj la listo de kulturaj lingvoj certe ĉiam kreskos, kaj la prilaborado de la ĝus priparolitaj vortaroj daŭros ĝis al la tago, kiam la homaro estos kompreninta, ke estas multe pli simple priskribi kaj priparoli la — internacian — sciencon internacie, helpe de Esperanto, ke estas plue multe pli simple, ke ĉiu scienculo proponu tuj por ĉiu nova ideo, ĉiu nova aperaĵo, kiun li prezentas al la kolegaro en revua artikolo, Esperantan esprimon, superfluigantan la tradukaĵon de multaj nacilingvaj esprimoj en ĉiujn aliajn kulturlingvojn. Certe tiu ĉi metodo rekomendota kompreneble de ĉiu, kiu pripensas la problemon el racia vidpunkto, estas multe pli simpla ol la ĝis nun irita vojo ; sed oni — la Esperantistoj — devas prizorgi, ke la sama vorto reprezentu ĉiam nur unu ideon — gramatike esprimite : ke oni evitu severe la homonimojn — ĉar oni neniel povas scii hodiaŭ, ĉu du sciencoj, kiuj ĝis nun ne interrilatiĝis, ne ekhavos morgaŭ intimajn rilatojn, kiuj estus plimalfaciligataj eble per homonimoj. La vortaroj estos kompreneble des pli simplaj, ju pli malgranda estas la nombro de homonimoj. Aliflanke ŝajnas al mi utile, ke oni evitu kiel eble plej la sinonimojn — agrablajn eble por verkistoj de bela literaturo. Tion mi postulas apogante min sur gravaj spertoj kaj faktoj, kaj proponas samtempe metodon por efektivigi ĝin.

Kiam antaŭ kelkaj jaroj la neceseco ekestis, havi Esperantajn tradukojn de la esprimoj uzataj en la radiotrafiko, aperis preskaŭ samtempe kelkaj vortaroj plenumantaj tiun ĉi celon, ankaŭ en Ido. Mi speciale mencias « Idon », ĉar mi ĉiam opiniis, ke estas absolute nepenseble, ke la du helplingvoj, Esperanto kaj Ido, ekzistos ĉiam unu apud la alia, kaj estas tial tute superflue, ke la teknikaj esprimoj ankaŭ estu kreataj duoble. — Mi bone memoras pri kritiko de du Esperantaj radiovortaroj, kiu esence diris, ke la Esperantaj esprimoj de la du sendepende publikigitaj vortaroj estas ĝenerale la samaj. Sed « ĝenerale » tute ne sufiĉas por la scienco, sed la sameco devas en la helplingvo esti absoluta. Kaj novaj esprimoj nur devas esti fiksataj — se efektive ni volas forigi la Babelan turon el la scienca lingvo — de ia centra kompetenta organo, eĉ se tia metodo bezonus iom pli da tempo. Ĝis nun nia Akademio laŭ la ekzemplo de aliaj lingvaj akademioj limiĝas je la posta aprobo kaj oficialigo de esprimoj jam uzitaj en la literaturo bela kaj scienca.

Duan fundamentan rimarkon mi ŝatas fari tie ĉi : faka vortaro entenanta esprimojn nur de unu nacia lingvo kaj Esperanto estas sen valoro, preterpasas bedaŭrinde la celon. Ekzemplo-pruvo : mi deziras proponi al Finlandano la aĉeton de laŭtparolilo kaj mi trovas en Radio-vortaro germana-Esperanta, de kiu ekzistas laŭ supozo ankaŭ la eldono Esperanta-germana, posedata ankaŭ de la dirita Finlandano, la esprimon jam menciitan « laŭtparolilo » ; mi skribas la necesan leteron, kiun devas ne nur legi, sed ankaŭ tute klare kompreni la Finlandano, supozite estanta bona Esperantisto. Eble li tuj scios, kion mi proponas, eble ankaŭ — tiu ĉi kazo nur interesas nin en la momento ! — li bezonas serĉi la signifon en la vortaro : tie li certe trovas por laŭtparolilo la germanan vorton « Lautsprecher » kaj, se li ne komprenas la germanan lingvon — kazo kiun ni supozas — neniel li profitas el Esperanto. Ni supozas plue la hodiaŭ plej verŝajnan kazon, ke radio-vortaro Esperanta-Finlanda aŭ ne ekzistas aŭ, se ekzistas, aperis sen antaŭa komparo kun la vortaro germana-Esperanta. Hazarde, tiu ĉi enhavas la certe ankaŭ eblan vorton « laŭt-audigilo » por germana « Lautsprecher ». Do la finlanda komercamiko ne trovas la de ni uzitan esprimon — laŭtparolilo — *quod erat demonstrandum*, tion ĉi mi nur volis demonstracii. Fine : se la Finlandano komprenas la germanan lingvon, li ne bezonas Esperanton.

En certa rilato kun tiu ĉi nur pro ekzemplo elpensita kazo estas danĝero ĉe traduklaboroj en Esperanton, kiam la tradukanto Esperanten ne konas la diversajn « ismojn » — germanismojn, galicismojn kaj aliajn ; tio estas specialaj esprimoj, kiujn alilingvuloj ĝenerale ne komprenas, se oni tradukas ilin laŭvorte. Mi ne povas forgesi, ke tute bonega esperantisto iam finis leteron per la — tutegermanisma — frazo : « mi rekomendas min ». Certe anglo, ne konanta la germanan lingvon, ne komprenus tion ĉi frazon. Ekzistas tiom granda nombro da finfrazoj por leteroj ĉe la diversaj popoloj, ke ne ŝajnas oportuna, ilin ĉiujn enkonduki en Esperanton ; ĝenerale mi rekomendas la metodon sekvitan jam de nia neforgesebla amiko, sinjoro Ĉefeĉ : havigi

al si la opiniaĵon de apartenantoj al diversaj lingvoj antaŭ ol presigi ian verkon en Esperanto skribitan.

Nun mi venas al la ĉefa, cela punkto, al praktika ekzemplo por la pli aŭ malpli spirite, teorie konstruita kazo nun priparolita : En du gravaj, eĉ gravegaj adresaroj por la internacia industrio kaj komerco troviĝas ankaŭ Esperanta parto, laŭ la sekvanta maniero : ambaŭ enhavas listojn en diversaj lingvoj de la plej gravaj specialaĵoj, fakoj, branĉoj. Estu permesate al mi aldoni, ke la respondoj, kiun atendas la sizanto de tiaj adresaroj, estas duspecaj : 1. oni deziras ekkoni ĉiujn komercejojn kaj ĉiujn fabrikejojn en la sama urbo ; al tiu ĉi demando respondas la ĉefaj partoj de la du adresaroj, organizitaj laŭ la sama plano, kiuj estas ordigitaj laŭ landoj, provincoj, interne de tiuj ĉi laŭ urboj. Kompreneble — almenaŭ hodiaŭ kompreneble — en ĉiu urbo la branĉoj sekvas unu la alian laŭ la nacia alfabeto.

2. Oni deziras ekkoni ĉiujn aferistojn sambranĉajn de tuta lando, kazo pli ofta : al tiu ĉi bezono korespondas la registro de la branĉoj — farita kompreneble en la oficiala lingvo de la adreslibro, — kiu sciigas la paĝojn, sur kiuj la serĉita branĉo povas esti trovata. Por utiligi la libron — grandan kaj sufiĉe multekostan — al alilingvanoj, oni aldonas alilingvajn registrojn de la branĉoj. Oni tamen ne ripetas la paĝnumerojn en tiuj registroj, sed aldonas la tradukon en la oficiala lingvo de la adreslibro. Mi klarigas la lastan sciigon per ekzemplo, malpli teoria : Deutsches Reichsadressbuch für Industrie, Gewerbe, Handel und Landwirtschaft, Berlin 1929, Rudolf Mosse, 5 Bände (Germana imperiestra adresaro por industrio, metio, komerco kaj agrikulturo, 5 volumoj), paĝo 35 de parto B de la 5. volumo (la registro) :

ŝablonoj — Schablonen
ŝabrakoj, fabrikoj de — Satteldeckenfabriken
ŝakludoj, fabrikoj de — Schachspielfabriken
ŝal- kaj tukfabrikoj — Schal- und Tuchfabriken
ŝamo — Leimleder
ŝapmaŝinoj (metalrabotiloj) — Shapingmaschinen

Nun eldonas la same mondkonata firmo Didot-Bottin en Parizo de post multaj jaroj : Annuaire du commerce (Jarlibro de komerco) ; eldonajo de 1927 enhavas « glossaire » registron en kvin lingvoj ; inter tiuj 5 lingvoj troviĝas sur paĝo 40-54 ankaŭ Esperanto. Tiu ĉi grava informa verko esence servas al la samaj celoj kiel la libro de Mosse. Tamen estas preskaŭ neebla konstati, ĉu la efektiva enhavo de la ambaŭ Esperantaj listoj interkonsentas aŭ ne ; mi ankaŭ ne intencas iamaniere kritiki detalojn. Mi nur volas montri — preskaŭ matematike precize — ke ambaŭ Esperantaj listoj ŝajnas nur malmulte interkonsenti, kvankam ili — mi akcentas tion denove — estas destinataj al la sama celo. Sur la paĝo LIII staras

ŝablonoj — pochoirs et poncis
ŝafledoj — basanes
ŝakprofesoroj — professeurs d'échecs
ŝalmoj por gasoj — chalumeaux à gaz
ŝalmoj por petrolesenco — chalumeaux à pétrole et à essence
ŝaloj — châles
ŝamfabrikoj — chamoisiers

Laŭvorte nur interkonsentas en la ambaŭ listoj « ŝablonoj » ; la radikoj ŝak, ŝal kaj ŝam ankaŭ estas en la ambaŭ listoj.

Ekzistas do sendube certaj malfacilaĵoj ; por la forigo de tiuj ĉi malfacilaĵoj mi rekomendas specialan metodon. La ĝenerala solvo estas la oficiala enkonduko de tre detala klasifiko, kiu enhavas ĉiujn objektojn kaj ĉiujn ideojn de la ekonomio, de la scienco kaj de la arto. Feliĉe ni ne plu bezonas elpensi tian sistemon, ĉar ĝi ekzistas jam de longe por aliaj celoj, komence nur malgrandampleksa, laŭbezone pligrandigita ĝi ebligas hodiaŭ jam ordigi laŭsisteme ĉiujn maŝinojn, instrumentojn, materialojn kaj laborprocedojn. Tio ĉi fariĝas laŭ la sekvanta metodo, por kiu — mi devas tion speciale aldoni — sinjoro generalo Sebert kaj sinjoro profesoro Richet multe penadis. La klasigo mem estis unue publikigita antaŭ pli ol kvindek jaroj de Melvil Dewey en New York (li mortis je la fino de l'jaro 1931 multjara post rare sukcesplena vivo) kaj konata sub la nomo Dewey'a sistemo aŭ decimala klasigo. La esenco estas la divido per 10 klasoj kaj ĉiam nova divido en 10 partoj — aŭ malpli. Sampaŝe kun la divido iras nombraj simboloj, kiuj ebligas severe precizan ordon. Tiamaniere korespondas al ĉiu ideo aŭ objekto cifera simbolo, montrante la lokon en rilato kun proksimaj, « parencaj » ideoj kaj objektoj, pli, same aŭ malpli ampleksaj. Oni konsideras kaj ordigas ĉiujn ciferaĵojn konsiderante la nombrajn simbolojn kiel decimalojn post komo. La apenaŭ trarigardebla diverseco de la objektoj ĉirkaŭantaj nin necesigis la disvolvon de la klasifiko ankaŭ je aliaj direktoj ; sed hodiaŭ mi ne volas eniri en detalojn, reservante tion ĉi al ebla estonta sciigo. La dek ĉefaj ĉapitroj kun siaj simboloj estas la jenaj :

0,0 Ĝeneralaĵoj. Libroj kaj bibliotekoj
0,1 Filosofio
0,2 Religio
0,3 Sociaj sciencoj ; juro ; administrado
0,4 Filologio ; lingvaj sciencoj
0,5 Matematiko ; natursciencoj
0,6 Medicino ; tekniko
0,7 Arto. Arta metio. Fotografio, Muziko. Ludoj. Sporto.
0,8 Bela literaturo
0,9 Historio. Geografio.

En la praktiko oni forlasas 0, kaj skribas nur 0 ; 1 ; 2 ; ... 9.

La ordon de la nombroj 0, 1, 2, 4, 8, 16, 32, 64, 128 fariĝas « decimale » laŭ la sekvanta maniero : 0, 1, 128, 16, 2, 32, 4, 8.

Nin interesas pro la temo de tiu ĉi artikolo la parto 38 Komerco, trafiko ; 389 Mezuroj kaj moneroj ; 389.6 Normoj (la Angloj parolas pri standardization, kio estas tute alia vorto ; sed per la decimala nombro 389.6 oni trovas la ideon ĉiam al la sama loko !)

La punkto post la tria cifero devas faciligi la legadon. Signifas plue

408.9 Helpaj lingvoj
408.91 Volapük
408.92 Esperanto

Laŭ mia penso la metodo nun montrita povas ludi gravan rolon por la plisimpligo kaj — kio eble estas pli grava — por la malplikostigo de vortaroj ; ĉar la decimaloj estas la plej mallonga maniero, komprenigi iajn ideojn. La presita — oni povas diri klasika — ekzemplo estas la konataj vortaroj de Schlomann I T W Ilustritaj Teknikaj Vortaroj,

kiuj estas ses-lingvaj kaj enhavas la vortojn grupigitajn en angla, germana, franca, itala, hispana kaj rusa lingvoj, sisteme ordigitajn. Ne pli eniranta en detalojn mi petas ĉiam pripensi, ke la specialisto post ne tro longa tempo konas pli aŭ malpli la decimalojn de sia fako kaj nur bezonas preni la eldonaĵon de la decimala sistemo en la lingvo, en kiun aŭ el kiu li deziras traduki...

**Specimenoj de vortaroj normitaj per la nombroj de la Decimala Klasigo :**

| | Esperante | | Angle |
|---|---|---|---|
| 33 | Ekonomio | 33 | Economics |
| 331 | Laboro kaj laboristoj | 331 | Labour and labourers, workmen |
| 331.8 | Diversaj problemoj de la laboro | 331.8 | Different labour problems |
| 331.81 | Daŭro de la laboro | 331.81 | Labour time |
| 331.811 | Ĉiusemajna ripozotago | 331.811 | Weekly day of rest |
| 331.812 | Nokta laboro | 331.812 | Night labour |
| 331.814 | Libertempo | 331.814 | Holidays |
| 331.815 | Festoj de la laboro Unua de majo | 331.815 | Labour holidays First May. |

| | Germane | | France |
|---|---|---|---|
| 33 | Volkswirtschaft | 33 | Economie politique |
| 331 | Arbeit und Arbeiter | 331 | Travail et travailleurs, ouvriers |
| 331.8 | Verschiedene Arbeitsfragen | 331.8 | Questions diverses de travail |
| 331.81 | Arbeitszeit | 331.81 | Heures du travail |
| 331.811 | Wöchentlicher Ruhetag Sonntagsruhe | 331.811 | Repos hebdomadaire Repos du dimanche |
| 331.812 | Nachtarbeit | 331.812 | Travail de nuit |
| 331.814 | Urlaub | 331.814 | Vacances |
| 331.815 | Arbeitsfeste Erster Mai | 331.815 | Fêtes du travail Premier mai |

Dr. phil. JULIUS HANAUER
*Frankfurt a/Main (Germanujo)*
*Rudolf Jungstr. 12/2*

## Brazila Literaturo kaj Esperanto

La Kongreso de la Brazilaj Beletristikaj Akademioj kaj Societoj de Belliteratura Kulturo, kunveninta en Rio-de-Janeiro, en kiu partoprenis delegitoj el ĉiuj 20 brazilaj ŝtatoj, unuanime aprobis jenan deziresprimon :

« Konsiderante la grandan utilon por la brazilaj beletristikaj verkoj esti internacie konataj, la Kongreso esprimas la deziron, ke la registaro apogu kaj helpu la tradukon de la plej bonaj verkoj en la plej disvastigitajn naciajn lingvojn kaj ankaŭ en la internacian helplingvon Esperanto, kiu jam akiris tian vulgariĝon ».

## BRAZILA POŜTO KAJ ESPERANTO

S-ro Raul de Azevedo, regiona direktoro de la Departemento de Poŝto kaj Telegrafo en la ĉefurba distrikto, eldonigis ilustritajn poŝtleterojn kun frazo en kelkaj naciaj lingvoj kaj Esperanto. La serio konsistas el du leterfolioj kun tri malsamaj bildoj el Rio-de-Janeiro sur ĉiu. Sur ili oni legas : « Nur per vizito al Brazilo, komencante de Rio-de-Janeiro — la tiel nomata Mirinda Urbo — oni povas taksi la naturdotojn kaj ekonomiajn kapablojn de tiu lando »

Al ĉiu, kiu sendos al Brazila Ligo Esperantista du respondkuponojn, ĝi sendos la du leterpoŝtajn paperojn.

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro da vortoj ne estas limigita. Ĉiu el mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

*c.r.:* certe respondos.
*dez.:* deziras.
*f-ino:* fraŭlino.
*gaz.:* gazeto.
*intŝ.:* interŝanĝo.
*k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj.
*kor.:* korespondi.
*L.:* letero.
*p.ĉ.l.:* pri ĉiu temo.
*Pl:* poŝtkarto illustrita.
*PK:* poŝtkarto.
*PM:* poŝtmarko.
*s-ino:* sinjorino.
*s-ro:* sinjoro.

---

*Rakosszentmihaly* (Hungarujo). S-ro Teodoro Kovacs ŝatus korespondadi kun anoj de l'finn-ugra, ural-altaj (turanaj) lingvobranĉoj, pri la parenceco, aŭ kun iu ajn pri turismo, stenografio, cigana kaj aliaj lingvoj, skribdeveno (alfabeto), fervojaj-fremdultrafikaj aferoj ; ŝatus ricevi reklam-afiŝojn pri fremdultrafiko-fervojoj kaj mont-regionoj, iajn presaĵojn pri urboj kaj regionoj.

---

*Penafiel* (Portugalujo). S-ro Beca e Melo, Av. Sacadura Cabral 56, intŝ. PI. C.r.

---

*Mukačevo* (Ĉeĥoslovakujo). Senpage estas havebla « Regno de pensoj ». Adr. : Esperanto, Internat. ul. 42.

*Karlskoga* (Svedujo) S.W. Ahlm, Kanongatan 673 — Kiu povas helpi al 23-jara svedo ricevi ian okupon eksterlande por ke li povu lingvostudi ? Detalajn informojn donos danke.

---

*Tokio* (Japanujo). F-ino Toŝiko Macujaŭa, ĉe Hokkaido Banko, Nihonbaŝi-ku, nur intŝ. PM.

---

*Amsterdam* (Nederlando). S-ro N. Zilver, Damrak 95, PM.

---

*Mukačevo* 3 (Ĉeĥoslovakujo). S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42 ; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifaj kulturverkoj kaj monumentoj, naciajn kantojn.

---

## Tutjapana federacio de Budhanaj gejunularaj asocioj

La sesa jarkunveno de la Tutjapana federacio de Budhanaj gejunularaj asocioj okazis je la 25a kaj 26a de la pasinta aprilo en la publika centra salonego en Osaka. Pli ol 900 delegitoj el ĉiuj partoj de Japanujo partoprenis. Mi ankaŭ estis partoprenintа kiel delegito de junulara ligo de Budhisma savarmeo. Kaj en la nomo de la junulara ligo de la savarmeo mi faris jenan proponon pri nia lingvo :

« La Tutjapana federacio havu specialan komitaton por Esperanto kaj realigu Esperantan edukadon al la gejunularo».

La Sekretariaro de la jarkunveno akceptis ĉi tiun proponon kaj komisiis la trian fakkunsidon pridiskuti ĝin.

La jarkunveno havis kvar fakkunsidojn por prijuĝi la faritajn proponojn. En la tria fakkunsido mi klarigis detale la proponon. Iuj kontraŭidiris sed la plimulto de la fakanoj aprobis la proponon, kaj post la decido de la fakkunsido petis ĉiujn partprenintojn pri aprobo (kompreneble estis aprobita). La prezidanto de la tria fakkunsido postulis de la Sekretariaro de la Tutjapana federacio kiel eble plej frue realigi la proponon. Do, eble baldaŭ la ĉefdirektoro de la federacio aranĝos specialan komitaton por nia lingvo.

JOŜIO NAKANIŜI
*Delegito de U.E.A. en Kiŝiŭada, Japanujo.*

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 707-7-36.